Jaro 17-a Marto-aprilo 1965 N-ro 2



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I.F.E.F.**

LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO

Sekretario: J. Poptie, Poŝtfako 2204, Utrecht, Nederlando
Konto: Algemene Bank Nederland, Amsterdam, No 30.36281

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*



**Mortis nia redaktoro, kolego D. BURGLER**

## Mortis la redaktoro de LIF

Kun malĝojo en la koro ni informas nian membraron pri la forpaso de nia amiko

### DANIELO BURGLER,

kiu mortis la 15-an de februaro 1965, nur 61 jara.

La konsterna komuniko pri la subita morto atingis nin en la malfrua vespero de la fatala tago kaj nur malfacile penetris en nian cerbon la malĝojiga fakto, ke abrupte kaj por ĉiam finiĝis la multaj priaferaj kaj amikaj kontaktoj, kiujn ni havis kun li por la bono de nia komuna afero.
Lia forpaso estas forta bato por la kolegoj en la IFEF-estraro, kiuj trovis en li nelacigeblan kunlaboranton kaj amikon, kies klara kompreno pri organizaj aferoj multe subtenis la estraran laboron.
La redaktado de nia gazeto, lia preferata laboro, estis de li plenumita kun granda zorgo kaj akurateco. Kun vera idealismo kaj nedetruebla entuziasmo li dediĉis multan tempon al la prizorgado de LIF. Ofte li vojaĝis al la presisto por kontroli ĉu la produkto de lia penado aperos ĝustatempe kaj ĉu ĝi estos liverata en neriproĉebla stato al la amikoj en eksterlando. Li ĉiam celis al plibonigo kaj streĉis ĉiujn siajn fortojn, precipe ankaŭ por la februara numero. Kiam li montris la ĵus prelegitan numeron, kun iom da fiero, tiam neniu el ni povis imagi, ke ĝi estos por li la lasta numero. La fatalo tamen decidis tiel; en sekvantaj estrarkunvenoj sentiĝos la manko de la ĉiam helpopreta kolego kaj amiko.
Ni akre sentas la baton, kiu trafis nin kaj tiom pli ni komprenas, ke la forpaso de la edzo estas terura sortobato por la edzino. Al ŝi kaj al la filo ni deziras, ke iom post iom la tempo mildigu la aflikton pro la kara edzo kaj la patro.

La Estraro.

Laŭ peto de kolego Jos. Hiža el Praha ni publikigas ĉi tie parton de lia letero:

.... „La sciigo pri la morto de nia karega samideano Danielo Burgler ĝislarme kortuŝis min, tiom pli multe, ĉar mi ekkonis lin, kiel juna komencanta esperantisto, en mia naskiĝurbo Nové Zámky, dum lia geedziĝo. En mia memoro li eterne restos kiel ekzemplo!"




# ANTAŬKONGRESPROGRAMO

**Vendrede 21.5.65, posttagmeze:**

Ekskurso en Oslo por tiuj kiuj travojaĝos la norvegan ĉefurbon survoje al Hamar. Tranoktejo en Oslo por la nokto 21.-22.5 mendebla. Prezo: ĉ. Nkr. 25.00.

## Postkongresaj vojaĝoj en suda Norvegujo

**Alternativo 1:**

Trans la fjordoj de la okcidenta landparto. Prezo: kr. 290.—.

29.5.: H. 11.20 de Hamar per trajno. Lunĉo en la restoracivagono. H. 18.35: alveno al Andalsnes. Tagmanĝo kaj tranoktado en Setnes junulargastejo.

30.5: Matenmanĝo kaj lunĉo. H. 14.15: De Setnes junulargastejo per aŭtobuso. H. 16.30: Alveno al Valldal, ŝanĝo al pramŝipo. H. 17.30: Alveno al Stranda, ŝanĝo al aŭtobuso, H. 18.30: Alveno al Hellesylt, tagmanĝo kaj tranoktado en Hellesylt junulargastejo.

31.5.: Matenmanĝo, H. 12.00: De Hellesylt per aŭtobuso. H. 15.00: Alveno al Olden. Kunportita manĝaĵo por la vojaĝo. H. 15.05: De Olden, H. 17.15: Alveno al Jölster. Tagmanĝo kaj tranoktado en Skei hotelo.

1.6.: Matenmanĝo. H. 11.15: De Jölster per aŭtobuso al Vadheim, alveno H. 14.15; H. 15.10: Per ŝipo al Bergen, lunĉo kaj tagmanĝo en la ŝipo. H. 21.30: alveno al Bergen. Tranoktado en junulargastejo.

2.6.: Matenmanĝo kaj lunĉo. H. 15.00: Ekskurso en la urbo. Tagmanĝo en la restoracio sur monto Flöyen. Tranoktado en junulargastejo.

3.6.: Matenmanĝo. H. 9.50: De Bergen per trajno. Lunĉo en la restoracivagono. Alveno al Oslo-Ö. H. 19.40.

**Alternativo 2:**

Montara kaj fjorda vojaĝo.
Prezo: Nkr. 165.—.

29.5.: H. 5.10: De Hamar per trajno, alveno Oslo-Ö. H. 7.16. H 9.50: De Oslo-Ö per trajno. Tagmanĝo en la restoracivagono. Ŝanĝo de trajno en Myrdal. H. 17.35: Alveno al Flåm. Aŭtobuso al Aŭrland junulargastejo. Vespermanĝo kaj tranoktado.

30.5.: Matenmanĝo. H. 8.00: De Aŭrland per ŝipo. H. 11.00: Alveno en Gudvangen. H. 11.20: Per aŭtobuso al Voss, kie alveno je H. 13.10. Tagmanĝo. H. 17.55: Per tranjno al Bergen. H. 19.55: Alveno en Bergen. Vespermanĝo en la restoracivagono. Tranoktado en junulargastejo.

31.5: Matenmanĝo. H. 9.00: Ekskurso, tri horojn per aŭtobuso. H. 13.00: Lunĉo en la restoracio sur monto Flöyen. Vespermanĝo en la stacidomrestoracio. H. 21.00: Per trajno, dormvagono al Oslo-Ö. Alveno tie 1.6. je h. 7.20.

**Alternativo 3:**

Laŭ la bordo de Norvegujo.
Prezo: Nkr. 325.—.

29.5.: H. 11.20: De Hamar per trajno. Lunĉo en la restoracivagono. H. 20.20: Alveno al Trondheim. Vespermanĝo kaj tranoktado en Singsaker hotelo.

30.5.: Matenmanĝo. H. 10.00: Ekskurso. H. 13.30: Lunĉo. Tagmanĝo. H. 22.00: Per ŝipo en 2-a klasa kajuto.

31.5.: Ĉiuj manĝoj en la ŝipo. Oni povas albordiri dum restado en la havenoj.

1.6.: H. 6.00: Alveno Bergen. Matenmanĝo en la junulargastejo. H. 10.00: Ekskurso H. 13.30: Lunĉo en la restoracio sur monto Flöyen. Vespermanĝo kaj tranoktado en la junulargastejo.

2.6.: Matenmanĝo. H. 8.45: Per trajno. Lunĉo en la restoracivagono, al Oslo-Ö. je h. 19.48.

En la prezoj estas enkalkulitaj pago por sid- kaj dormlokoj en trajnoj (2-a klaso) tranoktadoj, manĝoj, aŭtobus- kaj ŝipbiletoj, sed ne trajnbiletoj, kaj elspezoj al vojaĝgvidanto. Cetere multo dependas de havigado de sufiĉe da lokoj en la tranoktejoj. Membreco en la asocio por junulargastejoj en la hejmlando estas necesa.
Ĉiuj postkongresaj vojaĝoj ope estas limigitaj al ĉa. 30 partoprenantoj, sendu vian aliĝilon tre frue, **kaj nepre antaŭ 20.4.1965.**
Mendu ĉe Odd Kolbrek, Kaldbakkstubben 22, Oslo-9, Norvegujo.
Bonvolu aldoni 2 internaciajn respondkuponojn.

**Kiel mendi la bileton al Norvegujo?**

Se vi intencas partopreni nur en la mema kongreso kun ĝiaj ekskursoj al Elverum, Gjövik kaj Lillehammer, vi petu pri via senpaga bileto de via hejmstacio al Elverum. (La ekskurscelo por 24.5.1965.)

# SAEF 40 jara

La Svisa Asocio de Esperantistaj Fervojistoj — sendube unu el la plej aĝaj landaj organizoj en nia IFEF — atingos en septembro proksima la respektindan aĝon de 40 jaroj.
Pro praktikaj motivoj, t.e. kunlaboro kun la Svisa Esperanto Societo, la jubilea festo okazis jam la 13-an kaj 14-an de marto, en hotelo „Krone" en Solothurn.
Jam en Olten mi renkontis niajn aktivajn kolegojn Greutert kaj Walder kaj kun ili mi daŭrigis la vojaĝon al la urbo de la festo.
Montriĝis, ke reganta gripa epidemio malebligis al pluraj SAEF-membroj partopreni en la jubilea festo. Ankaŭ la posttagmeza ĝenerala kunveno suferis pro tio. La kunsido tamen estis agrabla pro la celtrafaj diskutoj. Ĉeestanta ĵurnalisto montris viglan interesiĝon.
Estas bedaŭrinde, ke nur malmultaj el niaj landaj movadoj sendis siajn gratulojn al la jubileanta fratorganizo.
La komuna vespermanĝo, en kiu partoprenis ankaŭ la membroj de SES, pasis en gaja sfero. Ankaŭ la urbestraro sendis reprezentanton.
Kolego Hans Bipp memorigis en sia festa parolado diversajn epizodojn el la historio de la Svisa Fervojista Movado, ĝiajn meritojn kaj ĝian baraktadon por venki la malfacilaĵojn.
Laŭvice kelkaj pioniroj de la jubileanta asocio atestis pri sia fidelo al la movado kaj al ĝia celo.
La prezidanto de IFEF pentris la unuajn kontaktojn kun la svisaj kolegoj, kiuj rezultis en tutsemajna restado en Svislando de dudeko da nederlandaj, du svedaj kaj du ĉehaj kolegoj jam en la jaro 1934. Vizititaj lokoj kaj la nomoj de la tiamaj novaj amikoj estas ankoraŭ klare en la memoro.
Tre afable parolis ankaŭ la reprezentanto de la urbo Solothurn, kiu ŝajne fartis tre bone inter la festantaj esperantistoj.
La distran vesperon prizorgis la membroj de la diversaj lokaj grupoj, la prezentado estis gajiga kaj sprita; la rolantoj tute ne timis montri la ridigan flankon de tio, kion ili opiniis rimarkinda en la popola karaktero.
La vespero, kiu pasis en tre amika sfero, finiĝis post dancado.
Dimanĉe okazis la jarkunveno de SES, interrompita de sufiĉe luksa tagmanĝo.
Kvankam la diskutoj estis viglaj, la kritikoj estis iafoje — bedaŭrinde — tro akraj al la funkciuloj, kiuj dum tuta jaro sindone oferis tempon kaj energion por la bono de sia movado.
Tamen, malgraŭ ĉio, la estraro, komence seniluziigita, retrovis kuraĝon por resti sur sia posteno, kaj kiel decas inter esperantistoj, oni disiris en bona harmonio.
Gratulon al SES pri la saĝa decido de siaj gvidantoj.
Dankon mi volas esprimi al ĉiuj ĉeestantoj pro la tre amika konduto al mi, dankon ankaŭ al la estraro de SAEF, kiu invitis min al sia grava jubileo kaj dankon al la familio Schmutz en Allschwil apud Basel, kiu multe helpis al mi forigi la komplikaĵojn de la vojaĝo.
Ke SAEF vivu ankoraŭ tre longe sub la gvido de sia laborema estraro, estas la sincera deziro de la IFEF-estraro.

de Jong

---

Se vi elektas la postkongresan vojaĝalternativon numero 1, vi petu pri via senpaga bileto de via hejmstacio al Åndalsnes. Por la ekskurso 24.5.1965 al Elverum, kaj por la vojaĝo Bergen-Oslo Ö. 31.5.1965, vi rajtas al prezredukto je 50% per via fervojista modereckarto. Prezo krome Nkr. 42.50.

Se vi elektas la postkongresan vojaĝalternativon numero 2, vi petu pri via senpaga bileto de via hejmstacio al Bergen. Por la vojaĝo Oslo Ö.-Hamar 22.5.1965, kaj daŭre por la ekskurso Hamar-Elverum 24.5.1965, kaj reen de Hamar al Oslo Ö. 29.5.1965, vi aĉcetu bileton je 50% prezredukto, per via fervojista modereckarto, ankaŭ por la vojaĝo Myrdal-Flåm. Prezo krome Nkr. 27.30.

Se vi elektas la postkongresan vojaĝalternativon numero 3, vi petu pri via senpaga bileto de via hejmstacio al Trondheim. Por la ekskurso 24.5.1965 al Elverum, kaj por la vojaĝo Bergen-Oslo Ö. 2.6.1965, vi rajtas al prezredukto je 50% per via fervojista modereckarto. Prezo krome Nkr. 42.50.

# HAMAR

## estas la kongresloko de I.F.E.F. en 1965

Estas okazo por ekskurso al Åndalsnes. Åndalnes estas fama turista centro, kaj la veturo tien okazas per trajno tra la fama valo „Romsdalen".
La fervojo inter Dombås kaj Åndalsnes nomiĝas „Raŭmabanen" (La Raŭmafervojo) kaj iras okcidente al Åndalsnes. La elirpunkto Dombås situas 659 metrojn super la maro. Tie la linio disiĝas, — dekstren kaj supren al la Dovremontaro iras la fervojo al Trondheimo.
Forlasante Dombås la Raŭmafervojo eniras tunelon kaj elvenante ĝin oni vidas karakterizan montkamparon kun miksaĵo de arbaroj kaj montpintoj. La fervojo iras trans la unua ŝtonponto inter Dombås kaj la stacio Bottheim, — la ponto nomiĝas „Jorabrua".
Inter la stacioj Lesjaverk kaj Lesjaskog, maldekstre, situas la lago kiu nomiĝas „Lesjaskogsvannet". Ĉe Lesjaverk la rivero, kiu nomiĝas „Gudbrandsdalslågen", ekfluas suden tra la valo „Gudbrandsdalen" en la plej grandan lagon de Norvegio: Mjösa.
Ĉe Lesjaskog ekfluas la rivero, kiu nomiĝas „Raŭma", okcidente tra „Romsdalen" en la fjordon „Romsdalsfjord" ĉe Åndalsnes.
Ĉe la stacio Stugufl\u00e5ten la fervojo iras trans la dua ŝtonponto.
Ĝis nun la fervojo iris laŭ la dekstra flanko de la valo. De ĉi tie la fervojo malsupreniras 20 metrojn po 1000 metroj. Maldekstre oni baldaŭ povas rigardi la ponton „Kylling Bru", kiun la fervojo transiras, sed unue ĝi trairas la 1340 metrojn longan tunelon „Stavemtunnelen", kiu estas kurba, denove iras orienten kaj samtempe supren. La fervojo eliras la tunelon preskaŭ rekte sub tie kie ĝi eniras ĝin. Ĉi tie oni povas rigardi belegan panoramon. Nun la fervojo venas al la stacio Verma kaj poste trairante la 440 metrajn longan, kurban tunelon „Kyllingtunnelen" denove iras okcidenten kaj transiras la grandiozan ponton „Kylling bru" kiu situas 60 metrojn super la surfaco de la rivero. La pasado trans la ponto estas unu el la plej grandaj travivaĵoj dum la vojaĝo.
Nun la fervojo iras laŭ la maldekstra flanko de la valo, kaj oni vidas la fervojon en du etaĝoj transe de la valo.
Post la ponto de „Fossbrua", la forta malsuprenirado de la fervojo estas finita, kaj ĉi tie la linio situas 127 metrojn super la maro. Ambaŭflanke estas krutaj rokoj kun multaj akvofaloj i.a. inter la stacioj Flatmark kaj Marstein situas dekstre la bela akvofalo „Mongefossen". Nordokcidente situas la famaj montpintoj „Trolltindene". La plej alta pinto estas 1794 metra. Post la pasado de Marstein la fervojo iras kurbe ĉirkaŭ la fama montpinto „Romsdalshorn" kiu estas 1500 metrojn alta.
La valo vastiĝas kaj Raŭma fluas kviete en la valfundo. En la supra parto de la rivero somere multaj fiŝkaptistoj kaptas salmojn kaj martrutojn. Venante al Åndalsnes oni maldekste vidas la krutegan valon „Isterdalen" tra kiu estas konstruita la fama vojo „Trollstigvegen". Por alveni la monton „Trollstigfjellet" estas laŭ „Trollstigvegen" konstruita 13 kurboj. Somere multaj turistoj vizitas „Trollstigfjellet". La vojo ordinare malfermiĝas por trafiko ĉirkaŭ la 1-a de junio. Proksime al la malsupra parto de „Isterdalan" situas 3 famaj montpintoj „Kongen" (La reĝo), „Dronningen" (La reĝino) kaj „Bispen" (La episkopo). En la multaj montegoj de „Romsdalen" estas bonaj eblecoj por grimpado.
La finstacio de „Raŭmabanen" Åndalsnes, kun proksimume 2500 enloĝantoj, estas grava trafiknodo kun omnibusoj al la urboj Ålesund, Molde kaj Kristiansund N kaj somere ankaŭ kun omnibusoj al multaj aliaj lokoj. Dum la someraj monatoj granda nombro da turistoj vizitas Åndalsnes per aŭtomobiloj, omnibusoj, trajnoj kaj turistŝipoj kaj estas multaj kaj bonegaj eblecoj por restado kaj tranoktado en hoteloj, pensionoj, kampadejoj kaj junularhejmoj kaj ankaŭ en privataj loĝejoj. Bonvenon al Romsdalen kaj al Åndalsnes!

---

*OKAZE DE LA IFEF-KONGRESO EN HAMAR* 1965 kelkaj gekolegoj el DUISBURG interrompos la vojaĝon ĝis HAMAR por unu tago en KOPENHAGO — nome vendredon la 21-an de majo. Se aliaj havus la saman ideon, bonvolu aliĝi sin tuj al *K. J. HEIDE, SOPHIENBERGVEJ 49, RUNGSTED KYST, Danlando.*
Se vi dezirus tranokti en hotelo, ni klopodos prizorgi la mendon por vi; tamen pro la mallongeco de la tempo ni nenion povas garantii.

La kopenhaga sekcio de DEFA

# Hamar atendas ankaŭ vin!!

## La Kongresa Libro aperis

Ĵus aperis la Kongresa Libro pri nia 17-a kongreso en Hamar. Kun siaj 64 bele presitaj paĝoj kun multaj bildoj, la ĉarma libreto enhavas vere ĉion pri kio povas interesiĝi la kongresaj partoprenantoj:
Planoj pri la urbo Hamar, pri ĝia ĉirkaŭaĵo kaj pri la urba aŭtobuso.
Salutvortoj de la Kongresa Komitato kaj de la Protektantoj de la kongreso, kun fotoj. Detaloj pri la kongresa programo kaj pri la kunsidoj.
Praktikaj informoj pri la norvegia monsistemo kaj pri la malfermaj horoj de butikoj kaj oficejoj.
Historiaj priskriboj pri la urbo, la lando, la esperanta movado tutlanda kaj fervojista. Bildoj pri la kongresejo kaj ekskursaj lokoj.
Tre interesaj informoj pri deĵoraj vestaĵoj kaj salajroj, sindikataj kaj sportaj aktivecoj, pri la misia laboro inter fervojistoj kaj pri la muzika societo.
Jen perlo inter la ĝis nun aperintaj kongresaj libroj, kiu krome havas la grandan meriton ke ĝi aperis sufiĉe frue por doni al la kongresanoj plenan okazon trankvile kaj atente tralegi ĝin.
Kaj farante tion oni eksopiras al tiu kongreso tiom, ke oni apenaŭ povas atendi la tagon de la alveturo.
Gratulon pro tiu bona laboro meritas LKK, la presisto kaj iliaj helpantoj.
Mencion meritas ankaŭ la ĝojiga decido de la Norvegia Poŝto kiu konsentis apliki la montritan specialan kongresan stampon. (Vidu p. 8)
Al tiuj kiuj ĝis nun ne anoncis sin por ne embarasigi LKK ni povas komuniki ke ni ankoraŭ ne atingis la maksimuman nombron da kongresanoj.
kongresanoj.
Decidu tuj kaj sendu vian aliĝilon senprokraste al LKK por ke ne manku inter viaj plej belaj esperanto-memoroj ĉi tiu multepromesa kongreso en bela Norvegio.

La IFEF estraro

*La stacidomo de Hamar*



## Feria semajno en la aŭstria montaro en julio 1965

La belega regiono de Grossarl — sufiĉe bone konata al la partoprenintoj de la 2-a kaj 3-a Intern. Esp. skisemajnoj en „Berglandhaus" — invitas vin partopreni la ferio-semajnon dum tiu ĉi somero. de la 18-a ĝis la 25-a de julio 1965.
Tiuj, kiuj deziras ferii dum du semajnoj, povos veni jam de la 11-a ĝis la 25-a de julio. (Do eblos partopreni la unuan, la duan, aŭ ambaŭ semajnojn.)
La vilaĝo Grossarl (924 m super la marnivelo) estas atingebla rekte per aŭto aŭ per fervojo. Fervoja stacio estas St. Johann i.P. inter Salzburg kaj Innsbruck. La distanco estas proks. 20 km. de St. Johann; oni povas veturi per aŭtobuso. De Grossarl al la montodomo „Berglandhaus" estas proksimume 2-hora piedmarŝo; la valizoj estos transportataj tien kaj reen per ĉevalveturiloj.
La montodomo „Berglandhaus" situas sur alteco de 1620 m. La domo enhavas: 2 unulitan kaj 16 dulitajn ĉambrojn kaj amasdormejon, fluantan akvon en la koridoroj, elektran lumon (200 V) kaj „WC".
La montara regiono garantias trankvilan ripozon, refreŝiĝon kaj eĉ baneblecon.
Unu semajna restado kostos ± 560 ŝil. dusemajna ± 1030 ŝil., infanoj ĝis 14 jaraĝaj resp. 350 kaj 640 ŝil.
La prezoj inkluzivas la restadkostojn tranoktadojn kaj manĝojn (potage kvarfoje oni ricevos abundan kaj bongustan manĝaĵon), aŭtobusan veturadon kaj la transporton de la valizoj.
La ĝenerala renkontiĝloko estas Salzburg, de tie oni forveturos per trajno je la 11,18 h kaj alvenos en St. Johann i.P. je la 12,22 h. poste per aŭtobuso al Grossarl. La reveturo de St. Johann i.P. okazos je la 12,35 en la direkton de Salzburg.
Petu informojn kaj aliĝilon kaj se vi intencas partopreni, antaŭpagu 10% de la kostoj al J. Geroldinger, Markusgang 7, Linz. Aliĝfino 1.6.1965.

## Nia kolegaro en Ĉeĥoslovakio

Bonaj sciigoj el Ĉeĥoslovakio daŭre atingas nin.
Tre verŝajne ni povos jam en nia kongreso en Hamar doni definitivajn sciigojn pri la aliĝo al IFEF de proksimume 40 Ĉeĥoslovakaj kolegoj, dum la perspektivoj tiurilataj por la venonta jaro estas multpromesaj.
Por montri al la Ĉeĥoslovaka Esperantomovado kaj al ĝiaj nunaj protektantoj la praktikan valoron de la Fervojista Esperantomovado ni insiste konsilas al la landaj estraroj kaj individuaj membroj laŭeble plenumi la dezirojn esprimitajn en alvoko por kunlaboro, aperonta en nia maja numero.
Precipe la horaroj kun esperantlingvaj tekstoj bonege efikos. La IFEF-estraro.

## Eŭropa Feriosemajno en Svislando

Pro la granda sukceso de la pasintjara feriosemajno por fervojistoj en Svislando, la organizintoj de tiu brila evento decidis ankaŭ por la proksima somero alvoki por komuna restado en la belega regiono de Tiĉino.
Ĉe la bordo de la Lago de Lugano, en la ĉarma vilaĝo Caslano, estas la ĉefa restadejo.
Kostoj por la tuta semajno (de la 22-a ĝis la 28-a de aŭgusto) sumiĝas je 155 svisaj frankoj. Detalan programon kun multaj allogaj ekskursoj oni mendu per internacia respond-poŝtkarto ĉe kolego: Hans Hunkeler, Poŝtfako 417, Aaraŭ, Svislando.

## Korespondpetoj

S-ro Lojewski Eugeniusz, Bialystok 1, Skrytka pocztowa 27, Pollando, filatelisto dez. kor. por perfektiĝi, k.ĉ.l. (tre volonte kun nederlandanoj).

S-ro Roberto Draper, 160 Liddesdale Road, Milton, Glasgow, N2, Skotlando, (30 j., edzo) dez. interŝ. poŝtk. ĵurnalojn, k.t.p.

**Ĉion, kio koncernas la revuon, ankaŭ la interŝanĝnumerojn sendu al la redakcia adreso: Burgler, Amsterdam, Sportstr. 62.**
**Tro da tempo perdiĝas pro malĝusta adresigo.**

## LISTO de la komitatanoj

*Atentu! En la antaŭa listo (en la januara-februara numero de LIF) aperis kelkaj nekorektaĵoj. Por eviti erarojn ni publikigas la tutan liston.*

| | |
|---|---|
| *Aŭstrio:* | Karl Vavra, St. Margarethensiedlung 43, Knittelfeld. |
| | Ing. Wilhelm Hermann, Zehetbauerg 4/6/III/10, Wien XI. |
| *Belgio:* | De Bruyne, Leo, Goudkasteellaan 26, Huizingen. |
| *Bulgario:* | Georgi Dolapĉiev, Bul. Klement Gottwald 54, Sofio. |
| *Britio:* | H. Barks, 25 Mars Street, Smallthorne, Stoke-on-Trent. |
| *Danlando:* | N. A. Antonsen, Vestre Kongevej 81, Viby J. |
| *Finnlando:* | N.G. Narvala, Untamontie 8 A 8, Helsinki. |
| *Francio:* | F-ino Germaine Lemonnier, 17, Rue Emile Agier, Asnières (Seine). |
| | Robert Coyac, 7, Rue Hoche, Sartrouville (Sne & Oise). |
| *Germanio:* | Joachim Giessner, Bahnhof, 321 Elze (Hann). |
| | S-ino Elfriede Kruse, Schweizerstr. 104, Frankfurt a/M. |
| | Willi Barnickel, Tirolerstrasse 2, Frankfurt a/M. |
| | Gernot Ritterspach, Berlinerallee 1, 6070 Langen (Hessen) |
| *Hispanio:* | Tomas Oriz Garcia, Subestacion RENFE, Tablada (Madrid). |
| *Hungario:* | Ŝtefano Bácskai, Árpád F.u. 28/A, Budapest XVII Rákoshegy. |
| *Italio:* | Germano Gimelli, Via Donato Creti 61, Bologna. |
| *Jugoslavio:* | Sredič Gvozden, Poŝtfako 563, Beograd. |
| *Nederlando:* | J. J. Labordus, Kenaustraat 26, Utrecht (ĉefkomitatano). |
| *Norvegio:* | Per Johan Krogstie, Löten. |
| *Pollando:* | Erazm Nawrowski, ul. Hetmanka 20, Gdynia. |
| *Svedio:* | Rune Palmgran, Persikogatan 32-III, Vällingby. |
| *Svisio:* | Kurt Greutert, Via Lugano, 6512 Giubiasco (Ti). |
| *Aŭstralio:* | Mankas. |

## Lingvo internacia kaj abstinaj fervojistoj

Inter fervojistoj funkcias internacia ligo por kontraŭbatali alkoholon en nuntempa granda kaj rapida trafiko.
La ligo (Internationaler Eisenbahn Alkoholgegner Verband — IEAV) havas ĉirkaŭ 75000 membrojn en eŭropaj landoj. La ĉefstabo estas en Svisio. La oficialaj lingvoj en ligo estas ĉefe germana sed ankaŭ franca kaj angla lingvoj. Speciale nordaj membroj havas lingvajn malfacilaĵojn. Tial la finna, sveda, norvega kaj dana membraj societoj proponis, ke ankaŭ la internacia lingvo Esperanto estu oficiala lingvo en internaciaj kunvenoj.
La propono ne atingis praktikajn rezultojn. Speciale reprezentantoj de la germana lingva teritorio (el okcidenta Germanio, Svisio, Aŭstrio kaj ankaŭ el Nederlando) kontraŭstaris la proponon.
El multaj landoj mi ricevis en lastaj monatoj deziresprimojn por organizi la kontakton en tuta mondo inter abstinaj fervojistoj kiuj ankaŭ estas interesitaj pri la lingvo internacia.
Mi atendas la baldaŭajn respondleterojn „por registrado de la duoblaj gesamideanoj en tuta mondo".
La kongreso de la Internacia Fervojista Esperanto Federacio estos en Norvegio en majo 1965. Mi volonte planos post kongreso en Norvegio vojaĝon en Finnlando por abstinaj fervojistoj kiuj volas konatiĝi kun finnaj samideanoj kaj vidi nian hejmlandon. En jaro 1967 okazos la internacia kongreso de la abstinaj fervojistoj en Finnlando. Ankaŭ tiam estos niaj samideanoj kun familianoj kore bonvenaj.
En atendo de amikaj respondoj mi diras: Ĝis revido!

MATTI VOLTTI,
Temppelikatu 25 B 47,
*Helsinki*
SUOMI-FINNLANDO



La speciala kongresa stampo